# Kolekto de "IF"

Por kompletigi nian kolekton de Internacia Fervojisto, ni serĉas kelkajn fruajn numerojn tiam aperintajn sub la titolo de **Bulteno de IFEF.**

Jen la listo :
1. 1948/49: ĉiujn numerojn
2. 1949/50: ĉiujn numerojn
3. 1950/51: n-rojn 1-2.

Eble iu malnova membro de IFEF povas helpi nin por kompletigi niajn kolektojn.

Aliflanke ni havas multajn duoblaĵojn de tiu revuo kaj ankaŭ de GEFA (germana sekcio), kiujn ni volonte proponas al kolektantoj.

Sincere salutas

Biblioteko Artur E. Iltis
Instituto por Esperantologio,
Interlingvistiko kaj Plan-lingvoj B.P. 19
F-84340 Malaucene
Tel/Fax : +33 (0)4 90 65 28 33
e-mail: Bibliotekoiltis@aol.com

***Tiu bildo montras la parkon Korakuen en Okayama. Ĝi estas unu el la tri pitoreskaj parkoj en Japanio. Bildo sendita de s-ro Naosuke NOBUKI sekretario de JELF***

## Enhavo

Kolekto de IF 34
La 53-a kongreso (estrarelekto) 35
Jarraporto de la sekretario 35
42-a IFES en Slovakio 37
Memore al Gaston Waringhien 39
Trans Qongzhou-markola fervojpasejo en Ĉinio 41
Iom pri arĥitekturo de la stacidomoj en Norvegio 42
El fervoja mondo 42
Invito al GEFA-Jarkunveno 43
Bonvenon en la 18-a Internacia Festivalo en Trier 44




# La 53-a kongreso de IFEF en Tábor -- (Estrarelekto)

**Kongrespropono**

Komitatano Jindřich Tomíšek en sia funkcio de ĉefkomitatano anoncas :

*Ĉar ne prezentiĝis kandidato por la funkcio de la kasisto, la ĝisnuna kasisto de IFEF sinjoro Hauge pretas provizore daŭrigi sian funkcion. Laŭ statuto de IFEF, li estas reelektebla kaj mi persone, en funkcio de la ĉefkomitatano, proponas kaj subtenas lian reelektiĝon.*

Jindřich Tomíšek

# Jarraporto de la sekretario - jaro 2000

**Niaj mortintoj**

Listo da malaperintoj estos legata dum la plenkunsido en Tábor,

**1. Membro-nombro**

La aktuala nombro de membroj estas1803.

**2. Interna laboro**

**2.1. Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis ekster la kongreso dufoje.

La unuan fojon en St. Mandrier (FR) 2000.03.29-30.

Tiam Renato CORSETTI ĉeestis nian kunvenon, instigante nin pri malfermo de nia faka asocio al anoj de aliaj trafik-laboristaj institucioj. Tiu temo devas esti programpunkto por IFEF en Tábor, Necesas klarigi la rilaton inter IFEF kaj FISAIC koncerne tiun punkton.

La duan fojon en Dobřichovice (CZ) 2000.09.25-27.

Tie la estraro esploris la kondiĉojn por la venonta IFK koncerne la kongresejon kaj hotelojn. Krome, la e-o diskutis la eblecojn por 2002 en BG kaj 2003 en RO.

Ankaŭ la skisemajnoj en la jaroj 2002 (RO) kaj 2003 (FR) estis temoj de la e-o.

Tre gravan lokon okupis la demando pri estonta e-o post demisio de Ks kaj Sk. Por la posteno de la Sk montris pretecon k-gino Marica Brletić (HR). La posteno de la Ks restas vakanta.

**2.2. ĈEFKOMITATANO(-OJ)**

Ne alvenis kongrespropono.

**2.3. Evoluo en kelkaj landoj.**

La Ks informis pri demisio de DEFA-prezidanto.

**3. Laborplano**

**3.1.Faka Komisiono**

La Vp prezentas provekzemplerojn de nova terminaro en franca, germana kaj itala lingvoj.

**3.2. Fervojista kontaktkunveno dum la 85-a UK en Tel Avivo**
Partoprenis 21 personoj el 11 landoj. Petro CHRDLE ĝojigis la ĉeestantojn per interesa prelego. D-ro FERENCZY raportis pri la kunlaboro inter IFEF kaj UMEA, LKK-ano ebligis viziton al stacidomo, sed mankas IFEF- membro en Tel Avivo.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF-Skisemajno**
Por la jaro 2001 SK transprenis la taskon ĝin organizi en Tatranska Lomnica de la 20-a ĝis la 27-a de januaro.
Por 2002 sin prezentis RO kaj por 2003 FR (CZ estus preta rezerve).

**4.2. IFK (IFEF-Kongreso)**
La 52a IFK okazis en Budapeŝto, la ĉefurbo de HU en 2000.05.
Konfirmo de loko por la 53-a IFK en Tábor.
Por 2002 la e-o antaŭvidas Plovdiv (BG) kiel kongresurbo.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**
Renato CORSETTI konsentas alpreni IFEF al la retlisto de landaj asocioj de UEA.

**5.2.FISAIC**
La Rd instigas Georges WALLERAND partopreni la FFEA-kunvenon por intensigi la kunlaboron.

**Fina komentario**
Ankoraŭ ne klara estas la situacio en Hispanio, kiu ĝis nun ne pagis sian kotizon. La Ks penadas por pluekzisto de tiu grava sekcio.
La Rd. intencas eluzi pli intense la internacian elektronikan reton, ankaŭ pere de UEA, kiu ebligas kontaktojn tutmondajn.
La Vp volas altigi la eldonkvanton de IF al 1200, ĉar la kostoj tiamaniere ne altiĝos.

***Resume, eblas diri, ke la presado en HU bone funkcias.***

Vieno, marto 2001
Sekretario Ernst QUIETENSKY



**Poemo**

**Estas li**

Blua de l' printemp' ruband'
ree flirtas tra l' aeroj,
vagas dolĉaj aromeroj
antaŭsente tra la land'.
Revas violflor',
volas ekburĝoni.
Aŭdu! – Malproksima harpsonor'!
Ho, printempo, vin
aŭdis mi eksoni!

Verkita de la poeto Mojriko, Eduardo (1804 - 1875).
Esperantigis: Manfredo Ratislavo (kun ioma helpo de Rikardo Shulco) en Julio de 1983 laŭ la origina germanalingva teksto.

Origina germanalingva teksto de EDUARD MOERICKE, (1804 – 1875)
Manfred Retzlaff
Oelde, 26.07.00.
Stettiner Straĝe 16
DE-59302 Oelde

# 42-a IFES en Slovakio

Post la sukcesa IFES, kiun SAFE (Slovakia Asocio de Fervojistoj - Esperantistoj) organizis antaŭ naŭ jaroj en Vratna-valo ĉe Žilina, ni denove havis emon servi al fervojistaj skiemuloj kaj organizi por ili nun jam la **42-an Internacian Fervojistan Skisemajnon,** ĉi-foje rekte en la sino de la plej malgranda monda grandmontaro, en Altaj Tatroj (Vysoké Tatry). Kaj vere, post komenca timo, ĉu pro manko da aliĝintoj ni ne devos esti la unuaj, kiuj nuligos tiun ĉi tradician renkontiĝon, ni la organizantoj nombris nur 18 aliĝilojn. Dum la IFES mem, do **ek de la 20-a ĝis la 27-a de januaro 2001** aldoniĝis al nia grupo ankoraŭ unu plentempa partoprenantino, kaj tiamaniere ni estis 19 el ses landoj : Ĉeĥio (2), Germanio (6), Danio (4), Francio (4), Hungario (1) kaj du slovakaj organizantinoj. Inter ni estis ne nur fervojistoj, kiuj kutime partoprenas niajn Kongresojn kaj Skisemajnojn, nefervojistoj, kiuj same partoprenadas ilin, sed eĉ la nefervojistoj, kiuj nur de siaj konatuloj aŭdis pri bona etoso de Skisemajnoj, kaj volis ankaŭ ĝui ĝin.

Jam sabaton frumatene, la unuaj partoprenantoj elvagoniĝis en stacidomo Poprad, kiu estas fakte la enirpordego al nia ĉarma montaro. Post longa veturado ege al ili konvenis kafo en stacidoma bufedo, kaj eĉ pli la buseto, kiu veturigis ilin kaj iliajn valizojn al la restadejo mem - al **hotelo Wili** en vilaĝo **Tatranská Lomnica**. La aliaj alvenantoj estis same akceptitaj en poprada stacidomo kaj veturigitaj pere de privata aŭtomobilo surloken. Post okupo de la ĉambro, ripozo, konatiĝo kun la ĉirkaŭaĵo, trastudo de la gvidlibro kun multaj utilaj informoj koncernantaj la aranĝaĵon, la vespero kunigis nin ĉiujn



dum la unua programero : ***bonveniga vespero*** en hotela Koliba-ĉambro ĉe "rabista" teo (se vi ne scias, kio tio estas, bonvolu veni kaj sperti mem - aŭ demandu tiujn, kiuj trinkis ĝin) kaj bona cimbala muziko.

Tuj ek de la sekva tago la ***neskiantoj*** havis antaŭ si abundan programon. *Dum* ***dimanĉo*** en la belega suna vetero ni vizitis alian urbon, Štrbské Pleso, kaj ties skicentron kaj saltejojn, ĝuis bonan tagmanĝon kaj post ĝi agrablan posttagmezan promenon ĉirkaŭ la glacidevena lago ĉirkaŭita per bela naturo, hoteloj kaj kuracdomoj.

Al la ***skiantoj*** sulkiĝis iliaj fruntoj, ĉar la vetero, freneza ne nur en tuta Eŭropo, eĉ en la tuta mondo, ne promesis egan skidiboĉadon. En Tatranská Lomnica, kie sub la montopinto troviĝas skiejo devis esti multe da neĝo, la ŝtonoj videblis en skivojoj kaj funkciis ununura malsupra skilifto ; - eĉ per nokta prilumigado, vesperajn programerojn oni ne povis ĝui. Se ili fine en alia tatroa vilaĝo (ni ja fakte troviĝis en unu tatroa urbo Vysoké Tatry, kiu konsistas el 15 vilaĝoj) trovis sufiĉe da neĝo kaj ankaŭ pli da funkciantaj liftoj, ili devis suferi longajn vicatendojn. Do, ŝajnas, ke oni devos Skisemajnon ŝovi ien en marton - aŭ veturi al pli sudaj landoj, kie eble estos pli da neĝo!

***Dimanĉa vespero*** apartenis al nia oferema amiko Hilaire Happi-Fosso, kiu denove fidele alportis ĉion necesan por montri al ni ĉiuj per la videobendo, kiel aspektis la pasintjara IFES.

Ekskursemuloj ***lundon*** akompanis skiantojn al urbo Starý Smokovec, centro de la urbo Vysoké Tatry, kaj kune kun ili ĝuis veturadon per ŝnurega telfero al supro nomata Hrebienok. Tie oni ĝuis eminentan sunan veteron, kiun oni sube ĉe nebuligita ĉirkaŭaĵo tute ne povis imagi, kaj krome gustumis glaseton da loka trinkaĵo plibongustan dank'al radiko de genciano. Sed nenio nova sub la suno - francoj tuj asertis, ke similaĵo ankaŭ ekzistas ĉe ili. Poste, pro devojiĝo iom plilongigita, sed en freŝa montara aero, bonveniga promeno al glaci-frostitaj Malvarmakvaj Akvofaloj, bone gustis la tagmanĝo en montara Kabano de Bilik (ĉiuj kabanoj en Altaj Tatroj portas nomojn de eminentaj hejmuloj, montaraj gvidantoj aŭ sportistoj, kiuj mortis en Tatroj dum la dua mondmilito). Dum tiu ĉi tago, kaj ankoraŭ dum la du sekvantaj, ankoraŭ akompanis nin Florin kaj Felicia, rumanaj reprezentantinoj, invitantinoj por la venontjara IFES. ***Vespero*** jam apartenis al karnavalo, kun ties kutima bonhumora etoso.

***Marda duontaga ekskurso***, denove gvidis la interesulojn al Starý Smokovec, kie ni vizitis lokan muzeon prezentantan historion de vintraj sportoj kaj porokazan ekspozicion pri religiaj bildoj . Ni eksciis, ke Tatroj kandidatiĝas por Olimpikaj Ludoj sub la blazono, kiu diras: "ni kun rido bonvenigas vin kaj volas montri al viaj okuloj nian ĉarman montaron...". Posttagmezan paŭzon precipe la virinoj eluzis por agrabla saŭnado, banado en kirlanta akvo kaj masaĝo - ĉio en belege rekonstruita kelo de nia restadejo, hotelo Wili. Kaj oni ja bezonis streĉi la fortojn, ĉar ***vespere*** atendis nin lingva konkurso. Kredu aŭ ne



kredu, la sama, kiel tiu, kiun ni solvadis antaŭ naŭ jaroj en Vrátna-valo ! Kaj kion ni konstatis ? Post tiuj naŭ jaroj ni scias malpli! Unu taskon neniu kapablis solvi (do provu vi laŭ la ekzemplo "la gazeto ne devas esti eta gazo" - gazeto ja estas ĵurnalo, gazo la ŝtofo - trovi ion konvena ! Nur forveturante hejmen danoj sukcesis elpensi: menueto ne devas esti eta menuo).

***Merkredo*** ja apartenis al la ***tuttaga ekskurso***, kiun partoprenis ĉiuj, eĉ gastoj - Ladislav Láni el Ĉeĥio, kaj survoje ni renkontis ankaŭ aliajn - geedzojn Potiška, partoprenintoj de la 33-a IFES en Vrátna-valo, kiuj en Tatroj jus libertempis pere de sindikatoj. Dum tiu tago ni traveturis preskaŭ tutan mallarĝŝpuran reton de tn. Tatroaj Elektraj Fervojoj, sur kiuj veturas trivagonaj elektraj unuoj populare nomataj "tramoj". Krome, ni ankaŭ uzis dentradan fervojon, kiu kunligas Tatrojn kun la ĉefa fervoja linio el Bratislava (aŭ Prago) tra Žilina al Košice. En Spišská Sobota, poprada urboparto, ni admiris bele rekonstruitan mezepokan ĉefan placon kun gotikaj, renesancaj kaj eĉ barokaj domoj. Sur la frunto de unu ni povis vidi la memortabulon omaĝe al Tibor Sekelj, kiu ĉi tie naskiĝis. La placon dominas malfruromia preĝejo de Sankta Georgo kaj apuda renesanca sonorilejo. En preĝejo ĉefas altaro de sankta Georgo, verko de famkonata majstro Pavol el Levoĉa, kun reliefo de Sankta Georgo dum lia batalo kun drako kaj grupo el gipso "La lasta vespermanĝo". En unu el la domoj havas sian sidejon ERSO (Esperanto - Regiona Societo) kaj

ties estro Milan Zvara, kiu kun la filo Marek dediĉis sian tempon al ni.

***Ĵaŭdo*** apartenis al konkursoj. Antaŭtagmeze estis ***slalomaj konkursoj***, kaj en tereno kun ne tro multe da neĝo oni kelkfoje devis ĝiskuri la celon. Aparte menciinda estas Jirko Vencl, kiu venkis la slalom-vojon per skioj por longdistanca skiado. Posttagmezan ***konkurson por piedirantoj*** malfavorigis pluva neĝado. Poste, la jurio pene laboris, por povi vespere anonci la rezultojn de la konkursoj. Sed, antaŭ tio, la ***pupteatristo*** Tomáš PLASZKY rememoris al ni popolan fabeleton pri Janĉjo Pizeto kaj ravis nin per kelkaj sorĉadoj.

Por ***vendredo*** estis planita veturado al la Lomnický-montopinto. Bedaŭrinde, forta vento ebligis nur veturadon ĝis la stacio Starto, proksimume la triono de la distanco. Posta vizito de la Muzeo de la Tatroa Nacia Parko ravis ĉiujn per siaj eksponaĵoj rilatantaj al la flaŭro, faŭno kaj vivo de popolo sur tiu teritorio. ***Vespere,*** agrabla manĝaĵo kaj cimbala muziko, ĝis la postnoktomezaj horoj donis finan punkton al la 42-a IFES.

Do, neĝon ni ne sukcesis mendi. Sed tamen ĝenerale agrabla kaj gaja etoso de la 42-a IFES instigis kelkajn homojn eldiri, ke ni organizos IFES-on denove - post naŭ jaroj. Ĉu ?!

**REZULTOJ:**

***Slalom-konkurso - viroj:***

1. Hubert PEYROUTY
2. Erik MORTENSEN
3. Klaus BARTLING

***Slalom-konkurso - virinoj:***

1. Inge BARTLING
2. Ana ĈUMBELIC-ROSSUM
3. Denise HAPPI-FOSSO

***Longdistanca skiado sur slalom-tereno - aparta premio:***

1. Jirko VENCL

***Konkurso por piedirantoj:***

1. Marta PINTER
2. Hieronymus STROINSKI
3. Annelies RUDOLF, Rainer RUDOLF, Jirko VENCL

***Lingva konkurso:***

1. Jana PEYROUTY
2. Erik MORTENSEN
3. Hubert PEYROUTY

***Karnavalo :***

1. Marta PINTER - tenistino
2. Jana PEYROUTY - Zorro - la venĝanto
3. Magdalena FEIFICOVA - ĉiesulino el la ŝoseo E55

**IFEF-premio: Erik MORTENSEN**

Magdalena Feificova
Fotis : Ana kaj Cumbelic-Rossum

## Memore al Gaston Waringhien (1901-1991)

La 20-an de decembro 1991 mortis Gaston Waringhien, unu el la plej elstaraj figuroj de la esperanto-movado dum jardekoj. Li estis entombigita en la urbeto *Aigné* situanta apud la urbo *Le Mans. (Francio)*. Memore al tiu grava eminentulo, (i.a. li multe agadis kiel prezidanto de la Akademio de Esperanto, inter 1963 kaj 1979) la 9-an de decembro 2001, la membroj de la loka grupo G.E.M. havas ambician projekton : organizi tiuokaze memorigan ceremonion kaj malgrandan kolokvon omaĝe al li. Estas antaŭvidite, ke oni ankaŭ donos la nomon *Gaston Waringhien* al la biblioteko de tiu urbeto.

# Trans Qongzhou-markola fervojpasejo en Ĉinio




Yuehai-a fervoja pasejo estas, en Ĉinio, la unua fervojo transiranta trans markolo. En la jaro 2002 la konstruo de la fervojo unuigos la fervojojn en Hainan-provinco kaj ŝanĝos la senfervojan historion en Leizhou-duoninsulo. Pasaĝeroj povos enveturi en Hainan-provincon per fervojo.Tiu ĉi projekto atentigas personojn enlandajn kaj eksterlandajn. La fervojo, interliganta la ĉinan ĉefteron al duoninsulo, faros bonajn kondiĉojn por la nova ekonomia disvolviĝo en Hainan-provinco.

La insulo Hainan,la dua plej granda en Ĉinio, estas nomata nesinkebla aviadilŝipo de la militaj fakuloj tutmondaj.

En la nuna tempo la trafikiloj ligantaj Hainan-provincon estas nur ŝipo kaj flugilo. Malmultaj homoj veturas al Hainan per aviadilo, sed la plejparto de la vojaĝantoj per trajno: unue oni veturas al la urbo Zhanjiang per trajno, sekve al la urbo Hai'an per aŭtomobilo, poste en Hainan-insulon trans Qongzhou-markolo per pramo.Pro ĉi-tiu okazo, oni ne nur suferas turisman laciĝon,sed ankaŭ malŝparas longan tempon.Transportado de varoj el - kaj en - la insulon estas malfacila.La ĉinaj gvidantoj delonge decidis konduki la fervojon en Hainan-insulon.En novembro de 1992 la Ĉina Ŝtata Registraro konfirmis la projekton kaj decidis komenci la konstruon en aŭgusto de 1998. La konstruo estas kuninvestado je 4,5 miliardoj da ĉina RMB yuanoj fare de Fervoja Ministerio, Hainan-provinco kaj Guangdong-provinco.

Yuehai-fervojpasejo konsistas el tri partoj. La unua parto rilatas al longiĝo de la fervojo je 139 km-oj de Zhanjiang-urbo tra la tuta Leizhou-duoninsulo ĝis Hai'an en Guangdong-provinco kaj konstrui ŝipkajon por trajno ĉe la marbordo de Sitangxi-vilaĝo de Xuwen-gubernio.La dua vidos la konstruon de fervoja pramŝipo en Qongzhou-markolo. La nove konstruota pramŝipo permesos transporti vagonarojn, aŭtojn kaj pasaĝerojn, samtempe po 40 var-vagonoj, aŭ 18 pasaĝer-vagonoj, 50 aŭtoj kaj 1360 pasaĝeroj.Traveturinte la 24-kilometran longan Qongzhou-markolon, oni atingos la novan havenon de Hainan-insulo. La tria etapo estos la konstruo de la 95,3-metra kajo por pramŝipo kun moderna trietaĝa kajviadukto, laŭ kiu siavoje elŝipiĝos vagonoj, aŭtoj kaj pasaĝeroj en la urbon Haikou. La kajviadukto estos ne nur la plej longa en Azio, sed ankaŭ la plej longa kaj moderna en la mondo krom en Britio.

La vagonaro veturos de la nova stacidomo de Haikou ĝis la urbo Sanya ĉirkaŭ la okcidenta ronda linio de Hainan-insulo tra la urboj Qongshan, Danzhou, Dongfang.

Finiĝinte, la Yuehai-a fervojpasejo kunligos la fervojojn en Hainan-insulo kun la fervojoj de la tuta lando.Tio havos gravan

Sekvo paĝo 41

# Fervoja anekdoto

***HUMURAĴO***

Unufoje kunvenis en trajno ĉiuj eks-ŝtatestroj de Sovetio de Lenin ĝis Brejnev. Ili veturas, kiam subite ien malaperis lokomotivestro. Niaj gravaj personoj decidas memstare direkti la trajnon laŭvice.

Unua estis ***Lenin***. La trajno sukcese veturadis sed neatendite malaperis reloj kaj reltraboj ! Kion fari ? Ja necesas veturi ! Lenin kutime vizitis lokajn kamparanojn, laboristojn, oratoris, ke necesas fari rapide fervojon, li kutime organizis sabatumon ( tiel nomiĝis senpaga /sensalajra / laboro en sabato deviga), oni faris fervojon kaj la trajno ekveturis.

Do, dua estis ***Stalin.*** Estis lia vico deĵori kiel lokomotivestro. La trajno veturis, kaj denove reloj forestas ... Stalin laŭ kutimo sia ne elirinte el trajno, tuj ordonis al siaj helpistoj : se post 24 horoj ne aperos reloj, vi ĉiuj estos arestitaj, pafitaj, aŭ enprizonigitaj kaj senditaj en Siberion. Faru do ! Kaj trovu kulpulojn pri foresto en la loko de reloj. Ĉio estis plenigita ĝuste kaj ĝustatempe ! Denove la trajno kuras laŭ reloj kaj deĵoras ja jam ĤRUŜĈOV'. Post difinita tempo, reloj ree ekmankis. ĤRUŜĈOV' diris, ke laboristoj prenu relojn malantaŭ la trajno, (kiuj restis malantaŭe) kaj metu ilin antaŭen, antaŭ la trajno, kaj tiamaniere faris tiom fojoj, kiom necesas.

Do, kiam la trajno traveturis iom da vojo, oni prenis malantaŭe kaj metis antaŭen relojn, kaj tiel senfine ĝis kiam ***Brejnev*** komencis dejori kaj li ekvidis problemon, ke reloj forestas. Kion li faris ? Brejnev estis saĝa. Li konsilis al siaj helpistoj : faru tiel. Ekpuŝu, ekbalancu la trajnon tien-reen, antaŭen-malantaŭen, kreu iluzion de veturo, trafiko.

La anekdoton mi aŭdis ankoraŭ en Brejnev-a socialisma tempo. Post Brejnev alvenis gvidestri la Trajnon "Rusio" jam Gorbaĉov, Jelcin, Putin.

Sergei Paĥomov / Cepreu Maxonob

Sekvo de la paĝo 40

signifon en la perfektigado de la transporta sistemo de Hainan-provinco kaj Leizhou-duoninsulo de Guangdong-provinco en la akcelo de la ekonomia, disvolviĝo de Hainan-a speciala distrikto kaj Yuehai-a regiono, en la rapidigo de la ekspluato kaj aplikado de mar-riĉfontoj en la ĉina Suda Maro.

Samtempe oni ekkonstruis altklasan porvojaĝan ŝoseon laŭ la ĉarma marbordo de la centro de Haikou-urbo rekte ĝis novkonstruota pramkajo. Ondorezista digo, kiel ronda ĉeno,etendiĝos en maron por defendi la novan havenon.Sur la ondorezista digo oni konstruos vojon, starigos balustradon kaj konstruos mar-rigardan pavilonon, unu el la belaj turismaj lokoj.

Laŭ la plano, en la fino de marto 2001, la 139-kilometrojn longa fervojlinio de Zhanjiang-urbo ĝis Hai'an-urbo estos konstruita. En 2002 Yuehai-a fervoj-pasejo, kiel giganta fera drako, flugos de Leizhou-duoninsulo trans Qongzhou-markolo rekte ĝis Hainan-insulo.

Han Zuwu
Vicprezidanto de Ĉina
Fervojista Esperanto-Asocio

# Iom pri la arĥitekturo de la stacidomoj en Norvegio

La unua stacidomo de Norvegio estis tiu de la ĉefstacio en Christiania,- (post la jaro 1924 en Oslo). De tie la unua fervoj-linio de la lando; al Eidsvold (nun Eidsvoll) estis inaŭgurita en la jaro 1854. La stacidomo, - en la landa ĉefurbo - kompreneble estis pompa kaj precipe abunde ornamita, laŭ modelo de Anglio, - la naskiĝloko mem .de la tutmonda fervojaro.

La plejparto de la. ceteraj stacidomoj de la linio konstruita de la Angloj estas de svisdevena stilo. Laŭ la sama maniero oni konstruis aliajn stacidomojn, eĉ la pli postajn liniojn tra la lando.

Ankaŭ okazis, ke oni konstruis la stacidomojn laŭ diversaj stiloj : drako, jugend. Laŭlonge de kelkaj linioj la arhitektoj eksperimente lasis la konstrues-trojn fari la stacidomaron laŭ la loka kons-trustilo, jes oni eĉ konstruis kelkajn el ili laŭ pratempa maniero eĉ laŭ la mezepoka. Laŭlonge de la linioj norde de Hamar oni konstruis la kamparajn stacidomojn laŭ gotik - aŭ romanik - stila maniero. Kutime la urbaj stacidomoj fariĝis pli abunde orna-mitaj kaj laŭ romanika stilo.

Kaj reen al la jam menciite svisa stilo ; Okazis, ke tiu influis la konstrustilon de fervojoj, kiuj post jaroj aperis. Ek de la komenco de la fervojo en Norvegio la plej eminentaj arĥitektoj de la lando estis dung-itaj por desegni kaj plani la stacidomojn.



Kelkaj el la vere estetikaj kaj nun antikvaj stacidomoj hodiaŭ estas protekt-itaj kiel kulturaj trezoroj de la mondo.

El la antikvaj stacidomoj kvar estis translokigitaj al la Norvega Fervojmuzeo, kiu situas en Hamar.

Unu el tiuj stacidomoj, el jaro 1854 staras tie. - Bonvolu rigardi la bildon !

Odd Kolbrek

En sia artikolo aperinta en numero 2001.1 paĝo 12, 11-a linio de la artikolo "Historio de tunelo sur la bergen-fervojo", la aŭtoro petas min sciigi ke ni devas legi "muskolo-fortoj" anstataŭ "muskolo-partoj".

*************************************************************

## El fervoja mondo

- Germana konsorcio Transrapid ricevis aprobon por konstrui grandrapidan magnetan ŝveblinion en Ĉinio por k

unligi centron de la grandurbo Ŝanhajo al aviadejo Pudong. La ŝveblinio longas 30 km-ojn. Por kompanioj Thesen Krupp, Siemens AG kaj Adtranz, tio signifas realigon de la investoj je amplekso de 20 miliardoj da USD.

- Konstrui kaj ekspluati grandrapidan ŝveblinion ĝis rapideco de 500 km/h, oni serioze ankaŭ pripensas en Usono.

- Unuan f'ojon en sesjara historio, fervojo transportas kamionojn kun ŝoseremorkojn "RoLa" sur linio inter ĉeĥa Lovosice kaj germana Dresdeno. Pli ol 100 000 kamionoj jare translokiĝas tiamaniere.

- Germanaj fervojoj DB pripensas aĉeti parton da akcioj en brita fervoja kompanio English, Welsh & Scottish Railways.

Kompilis Jindřich Tomíšek

**Nekrologo**

JOACHIM SCHRAPP

*30.08.1914 — + 15.03.2001

Nia diligenta kolego, fidinde konscienca kamarado, serene afabla amiko JOCHEM, kiel lin nomis kaj konis liaj geamikoj, devis post plurjara grava malsano forlasi nin. El pluraj Vestfaliaj lokoj, kolegoj de GEFA kaj membroj de lia Esperanto-Societo Münster akompanis lin en lia lasta vojo en Bentheim apud la nederlanda landlimo.

Denaske dulingva, kun nederlanda patrino, li jam frue sentis la lingvan dilemon, kiel juna fervojisto en fremda lando orient-eŭropa. Baldaŭ, post la granda milito Jochem komencis akiri lingvan kapablecon kaj Esperanto-praktikadon en Gronaü kaj Münster. Granda kvanto da taskoj kaj oficoj lin katenis al nia movado dum 50 jaroj. Ĉiam preta kaj bonvolema, Jochem plenumis respondecajn laborojn en UEA, GEFA kaj en la loka Esperanto-Societo, ĉu instruajn, reprezentajn, funkciulajn, ĉu kiel inventeme fantaziplenan helpanton en multegaj renkontoj, kunvenoj, kongresoj regionaj kaj internaciaj de ESM, REVELO, GEA, GEFA, IFEF, ja eĉ TEJO.

La vivo ne ĉiam dorlotis lin. Nekuracebla kancero forprenis lian unuan edzinon el la juna familio. Dudek jarojn poste, la sama sorto trafis la amindan filinon Ute. En 1956 bonŝance por Jochem nia fervojista kolegino Ursula krucis lian vojon. Baldaŭ post geedziĝo ni vidis ilin kune en ĉiuj niaj renkontoj. De tiam Ursel ankaŭ aktive partoprenis multflankan Esperanto-vivon. Sennombraj eventoj tiel memorigas nin pri la gaja paro Ursel kaj Jochem.

Nian komunan lingvon Jochem konsekvence parolis ankoraŭ ĝis la finiĝo de esprimkapablo. Ni kun liaj multnombraj amikoj en tutmonda Esperantujo el kore kondolencas al lia familio, sed ĉefe kaj unuarange al lia amikino Ursula. Ŝi ne nur vivindigis la tempojn de Jochem, sed en tre malfacilaj cirkonstancoj ankaŭ ameme kaj sinofere flegis lin dum la jaroj de sufero ĝis la lasta spiro.

WBR

Por Germana Esperanta Asocio :
Joachim Giessner prezidanto

Por Esperanto-societo Monastera, Münster kaj por Esperanta Fervojista Rondo en BSW :
Willi & Guido Brandenburg

## Invito al GEFA-jarkunveno

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) okazigos en 2001 sian tradician jarkunvenon. Ĝi okazos inter la 05-a kaj 07-a de oktobro 2001 en Bad Salzuflen, banloko apud Bielefeld.

Tiu banloko Salzuflen situas en tre bela, arbarriĉa regiono kaj la nomo de la BSW-hotelo Rozangulo estas trafa por la ejo en la kurac-kvartalo kun ĝiaj multaj diversaj kurac-fontoj. Partoprenu kaj ĝuu la unikan lokon.

**Kotizo por partopreno :**

| | |
|---|---|
| GEFA-ano | 25,00 DM |
| Familiano | 20,00 DM |
| Nemembro de GEFA | 35,00 DM |
| Ekskurso | 25,00 DM |

**Ĉambroj**

Ĉiuj ĉambroj, inkluzive plenpensionon je la sama prezo :
- en ĉambro por unu persono 82 DM,
- en ĉambro por du personoj 78 DM.

La programo antaŭvidas i.a. urbgvidadon, festvesperon kun danco kaj ekskurson al la monaĥejo Corvey.

Ni multe ĝojus, se ni povus bonvenigi niajn eksterlandajn geamikojn.

Petu aliĝilon kiel eble plej baldaŭ al :
Karl-Heinz Marzahn
Sollingstr. 39
DE-28307 BREMEN
Tel/Faks : 0421 48 13 39

Ĝis revido en Bad Salzuflen

Heinz Schindler

**INTERNACIA FERVOJISTO**
53-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto** : Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso :
lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto** : István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso : kozsu13@matavnet.hu

**Sekretario** : Ernst Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1200 Wien

**Kasisto** : Henning Hauge
Esperanto-Nord
Am Ostersielzug 6
DE-25840 Friedrichstadt.
Tel : + 49 488 193 78 80
Retadreso :
Esperanto-Nord@web.de

**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MÁV
Andrássy út 73/75
HU-1378 BUDAPEST, Hungario

VIG 2001.158




## Aldonaĵo

*En sia interesa artikolo "La Fervojo en Israelo", aperinta en IF 2000.1 paĝo 9/10, la aŭtoro Walter Ullmann deziras aldoni precizigon.*

En paĝo 10-a, dekstra kolumno, dua alineo estas skribite "Oni planas konstrui sekvajn novajn relvojojn de Berŝevo al Irbid (Jordanujo)."

La aŭtoro deziras pli detale sciigi " Oni planas konstrui sekvajn novajn relvojojn :
- de Berŝevo ***al Ejlato***
- ***de Hajfo*** al Irbid (Jordanujo)."

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.